# ESPERANTO EN AFRIKO

Numero 16
(2011: 2)

Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA


*Karaj gelegantoj,*

*Okazintaĵoj abundis dum la lastaj monatoj kadre de la agado de Afrika Komisiono de UEA (AK). La membraro de AK, sub gvidado de ties ĉefkunordiganto, multe aktivis por kuraĝigi afrikanojn konscii pri la taskoj necesaj por vere fortiki kaj enradikigi la movadon en Afriko. Tiu ĉi numero ĉefe sciigas pri eĥoj de diversaj agadoj de AK, de unuopuloj eksterafrikoj, de unuopaj kluboj kaj de landaj asocioj. Sur la kampo de instruseminarioj, ĉu en Burundo, ĉu en Kongolando, estas ankaŭ legindaĵoj. En nian leterkeston venis ankaŭ scindaĵoj pri Afriko el la tuta mondo.*

*La redaktantaro*

***

## TRIMESTRA AGADO DE LA AFRIKA KOMISIONO

La apero de tiu ĉi deksesa numero de nia bulteno *Esperanto en Afriko* ofertas al mi okazon saluti vin kaj informi vin pri la laboro de la Afrika Komisiono (AK) de UEA dum la ĵus pasintaj tri monatoj.

Kiel oni povis konstati, asocioj samkiel grupoj el Burundo, DR Kongo, Tanzanio kaj Togolando jam en tiu ĉi jaro ricevis subvencion de UEA. Tion ĉi peris kaj distribuis Afrika Oficejo. Same, afrikanoj membriĝis en UEA pere de Fondaĵo Kanuto, kaj kelkaj – entute 21, ĉu grupe, ĉu individue – ricevis abonon al la revuo *Juna Amiko* por la nuna jaro.

Kiuj membras en afrikaj listoj certe povis noti de ioma tempo, ke formularo iris al landaj asocioj kaj grupoj, invitante ĉiujn partopreni en la konkurso pri organizado de la 5-a Afrika Esperanto-Kongreso (AEK). Fakte, la Afrika Komisiono, pere de la elektota asocio aŭ grupo, efektivigos iam en 2012 aŭ 2013 tutkontinentan kongreson.

AK daŭre priatentas grupojn kaj asociojn tra Afriko, kaj por firmigi ilin ĝi kunhelpas al plia vigliĝo de la movado en Benino, Kongolando, Senegalio, Niĝerlando, Tanzanio kaj Kenjo. Ni aparte renovigas ligon kun la sudafrika landa asocio EASA. Invitilo estis sendita al EASA por elekto de alia sudafrika esperantisto por la Konsilantaro de la Afrika Komisiono krom Emile Malanda, kiu estas jam komisionano de la AK kaj membro de la EASA-estraro. Plie, komisioneto formiĝis kun celo sproni la sudafrikan asocion starigi ILEI-sekcion kaj sekve aranĝi seminarion.

La Afrika Komisiono okupiĝas ankaŭ pri instruado en afrikaj landoj kaj firme kunlaboras kun ILEI, kiu ĵus, ekzemple, subtenis pasint-aprile, ankaŭ finance, seminariojn en Kinŝaso, Kongo kaj en Rumonge, Burundo por estontaj instruistoj de Esperanto.

La defioj estas grandaj en ĉiuj kampoj, kaj por varbi pli da virinoj al la afrika agado kaj kuraĝigi la jamajn, kiuj tro malmulte emas paroli, senti sin parton de la komuna laboro, mesaĝo estis preparita kaj sendita al afrikaj listoj, instigante ĉiujn grupon kaj landan asocion formi virinan sekcion.

En perspektivo de pliaj internaciaj renkontiĝoj sur la kontinento, okazas diskuto kun ILEI pri preparo de ties eventuala denova konferenco en Afriko en 2014, eble samperiode kun unu el la internaciaj kongresoj de TEJO aŭ de UEA. Traktado tiukadre ĵus malfermiĝis por ke la AK havu pli da konkretaj laborproponoj, kaj ĉiu devas akcepti kontribui por ke ni povu vidi en la proksimaj jaroj la fruktojn de niaj streboj.

Tiom gravas la plua financado de la multfaceta laboro por divastigi Esperanton en Afriko, kaj la spertiĝo de afrikanoj pri la UK-etoso kaj konatiĝo de la ceteraj kongresanoj pri la grandiĝanta kaj solidiĝanta afrika movado, ke la Afrika Komisiono alvokis por ke esperantistoj donacu respektive al la Fondaĵo Afriko kaj al la Triamonda Kongresa Fondaĵo de UEA. Tiuj ĉi alvokoj daŭre aktualas; por kontribui, bonvolu sendi pagon al UEA en unu el la kutimaj manieroj, kun la indiko *Afriko*. Ni estos tre dankaj al vi.

Ni bone scias, ke ĉio ne estas farita dum nur unu tago. Tamen ni ĝojas pri la vojo sekvita, la defioj akceptitaj, kaj la atingoj jam kune realigitaj. Valoras la penon plu labori en ĉiuj kampoj por la konstruo de pli forta movado en Afriko, kie generacio edukiĝos lingve kaj movade. En tiu ĉi nia marŝado, ni denove petas al amikoj de Afriko kaj de afrikanoj, kaj eĉ al ĉiuj esperantistoj, akompani nin.

*Adjé Adjévi (kunordiganto de la Afrika Komisiono)*

***

## SEMINARIA JARO POR AFRIKO

- **Burundo**

Dimanĉon, la 17-an de aprilo 2011, je la 11-a horo, gesinjoroj Mirejo Grosjean, Japhet Bayori, Eric Nsabiyumva kaj Mlossi Saidi atingis la urbon Rumonge. Kelkaj rumongaj esperantistoj bonvenigis ilin kaj iris kun ili ĝis la hotelo, kie nia instruistino Mirejo kaj ĉiuj partoprenantoj tranoktis ĝis la fino de la seminario. Post kelkaj minutoj mi iris montri al s-ino Mirejo la lokon, kie troviĝas la klasĉambro kaj manĝoĉambro.

Posttagmeze, je la 14-a horo, la gelernantoj eniris la klasĉambron por renkontiĝo kun la esperantistoj, kiuj jam estis en Rumonge atendante la malfermon de la seminario je la 16-a horo. Ĉiu partoprenanto sin prezentis dirante siajn aĝon, loĝlokon, laboron, E-agadon ktp. Kiel kutime dum Esperanto-aranĝo en Burundo, la malfermo komenciĝis per kantado de la himno "La Espero". Kelkaj esperantistoj staris antaŭ la aliaj, kaj ĉiuj kantis ekde la komenco ĝis la fino. Kiam la kantado finiĝis, ĉiuj aplaŭdis.

Post la himno la kunordiganto de la malfermo, s-ro Mlossi Saidi, diris la ordon de la parolado de diversaj estraranoj de ANEB, la landa asocio de Burundo.

Poste Jérémie Sabiyumva, la nuna prezidanto de la asocio, bonvenigis ĉiujn esperantistojn, precipe s-inon Mirejo Grosjean, kiu lasis sian landon kaj venis al Burundo por fortigi nian lingvonivelon. Li petis al la partoprenantoj bone profiti la ŝancon ricevi la prezidantinon de la Internacia Ekzamena Komisiono (IEK) de ILEI/UEA, kiu promesis veni al Burundo kaj nun estis en la lando. Li fine bondeziris al ĉiuj partoprenantoj, esprimante la esperon, ke ĉiuj restos sanaj en Rumonge dum la sekvaj dek tagoj de la seminario.

Eric Nsabiyumva, la vicprezidanto de la asocio, dankis la instruistinon Mirejo pro sia instruvojaĝo en nia lando. Li diris, ke fine de la seminario ni scios multon.

Japhet Bayori, eks-prezidanto de ANEB, dankis ĉiujn esperantistojn pro ilia partopreno en la seminario. Li ankaŭ invitis ilin tre bone sekvi la instruadon de nia vizitanto Mirejo. Li diris, ke nia lando estas tre bone konata kaj pro tio ni ĉiam akceptas esperantistojn eksterlandajn, kiuj venas viziti nin kaj eĉ starigas projektojn favorajn al ANEB.

Poste venis la parolo de s-ino Mirejo, kiu unue dankis nin pro niaj bondeziroj kaj ĉeesto. Ŝi diris al ni pri sia vojaĝo al Burundo kaj donis la programon de la seminario. Ŝi informis al ni, ke ŝi konatiĝis kun Japhet kaj Jérémie dum la ILEI-Konferenco en Benino en 2008. Estante en Benino ŝi promesis al ili, ke ŝi vizitos Burundon. Por efektivigi la promeson, ŝi estis nun en Burundo por instrui dum kvin tagoj (de dimanĉo ĝis jaŭdo) kaj ekzameni la partoprenantojn dum tri tagoj (de vendredo ĝis dimanĉo).

Ŝi montris kaj donis al ANEB ĉiujn donacojn de Svisa Esperanto-Asocio, kiu sendis vortarojn kaj poŝamikojn. De la svisa ILEI-sekcio ŝi donis la Plenan Ilustritan Vortaron (PIV), kaj de UFE multajn E-librojn. Mi persone tre dankas s-inon Jeanne-Marie Cash pro ŝia kuraĝo konvinki homojn donaci.

Ni ankaŭ dankas ĉiujn donacantojn. Ĉefe, niaj dankegoj iras al la Fondaĵo Hans, kiu kovris la tutan buĝeton de la seminario.

Post la parolo de Mirejo, venis tempo por legi salut- kaj gratulmesaĝojn senditajn de multaj homoj kaj organizaĵoj al la partoprenantoj kaj al ANEB. Venis salutmesaĝoj el ILEI, UEA, Fondaĵo Hans, Afrika Komisiono, Afrika Centro, Kroatio, Svedio, Sud-Afriko, Nederlando, Bosnio, Albanio, Finnlando, Germanio, Francio, Aŭstrio, Rusio, Renato Corsetti, Mónika Molnár, IEK, Ronaldo Glossop kaj Alfred Portillo.

Post la malfermo de la seminario, la partoprenantoj iris eksteren por la paŭzo, atendante la vespermanĝon. Je la 19-a, dum la vespermanĝo, oni miris vidi s-inon Mirejo sidantan kun la burundaj esperantistoj kaj manĝantan kun ili la samajn manĝaĵon. Ŝi diris al ni, ke ŝi estas en Burundo kaj do devas manĝi kion kaj kiel manĝas la burundanoj.

Post la manĝo, daŭris la konatiĝo ĝis la gepartoprenantoj finfine iris al la dormoĉambro.

Lundon, je la 7-a horo kaj kelkaj minutoj, ni eniris la manĝoĉambron por la matenmanĝo. S-ino Mirejo profitis la okazon por iel kelnerumi, metante teon en la tason de ĉiu partoprenanto. Tiu gesto multe ĝojigis la gelernantojn. Je la 8-a, ĉiuj partoprenantoj troviĝis en la klasĉambro por la lernado.

Dum kvin tagoj, ni multon lernis de Mirejo ĉar nenion ŝi kaŝis al la partoprenantoj. Ĉiu homo, kiu havis demandon, povis senprobleme ion demandi kaj tuj Mirejo donis la respondon. Kun granda motivigo al la partoprenantoj, ŝi vere instruis kaj informis multon pri Esperanto en la mondo. Gramatikaĵojn, historion de la lingvo, nomojn de gravaj verkistoj kaj pedagogoj ŝi instruis al ni. Ni eksciis kiel komuniki kun aliaj, ni diskutis pri kia estas bona instruisto, pri nia kulturo Esperanta ktp. Niaj burundaj instruantoj, kiuj profitis la instruadon de la prezidanto de la Internacia Ekzamena Komisiono por plialtigi sian instrukapablon, multege dankas ŝin pro ŝia sindediĉa laboro.

Laŭ la programo, ni ankaŭ faris ekskurson. Niaj esperantistoj el foraj lokoj profitis tiun promenadon por vidi kaj scii multon pri la urbo Rumonge. Ni ankaŭ profitis tiun momenton por iri viziti la novan terenon de ANEB, kiun ni ricevis pro la klopodoj de Johan kaj Svetlana el Nederlando, kiuj kolektas la monon por la konstruo de biblioteko.

*La ekzamenoj*

Estis du niveloj : la meza kaj la elementa niveloj. Ĉe la meza nivelo aliĝis 18 partoprenantoj, kaj ĉe la elementa nivelo 23.

Vendredon, post la matenmanĝo, la partoprenantoj profunde preparis sin por bone fari ekzamenojn laŭ siaj respektivaj niveloj. Je la 8-a kaj 45 minutoj ĉiuj gelernantoj jam estis en la klasoĉambro atendante la ekzamenon, kiu komenciĝis precize je la 9-a horo.

Laŭ la reguloj de ILEI, oni unue faris la gramatikan parton por mezuri la tiurilatan nivelon, kaj se oni ne atingas 70 procentojn, oni ne rajtas fari la ceterajn ekzamenojn. La tri personoj de la Loka Ekzamena Komisiono – gesinjoroj Mirejo, Japhet kaj Jérémie, kiuj jam havas la Internacian Atestilon de ILEI/UEA kaj kiuj kapablas ekzamenigi nin – poste komencis la korektadon de la unuaj ekzamenoj.

La rezulto estis, ke el 18 mezniveluloj 14 sukcesis, kaj el 23 elementniveluloj 13 sukcesis. La kvar mezniveluloj, kiuj ne sukcesis la gramatikan ekzamenon de la meza niveno, tuj eniris en la grupon de la 13 sukcesintaj elementniveluloj kaj daŭrigis kun la ekzamenatoj de la elementa nivelo.

Restis do 14 lernantoj en la meza nivelo kaj 17 lernantoj en la elementa nivelo. Post la tagmanĝo, dum kvar horoj ekde la 13-a horo, tiuj ĉi faris la skriban parton de la ceteraj ekzamenoj (pri lega kompreno, aŭskulta kompreno, kulturaj konoj kaj verkado). La gelernantoj kaj la geinstruistoj multe laciĝis pro la ekzamenaj laboroj. Vendredon vespere ĝis sabaton je la 14-a horo, Mirejo, Japhet kaj Jérémie korektis niajn multajn paperojn. Ili ege laboris. Sabaton je la 15-a horo komenciĝis la parola parto, kiu daŭris ĝis dimanĉo.

Dum la ferma tago, la renkontiĝo estis fruktodona. Jérémie, la prezidanto de la asocio, multege dankis s-inon Mirejo pro la grandega kaj valorega laboro, kiun ŝi faris en Burundo. Li ankaŭ gratulis ĉiujn sukcesintojn ĉe la Internaciaj Ekzamenoj.

Japhet, eksprezidanto de ANEB, dankis la partoprenantojn pro ilia kuraĝo, kaj aparte gratulis ĉiujn sukcesintojn pro la bona laboro kaj la ricevo de la atestilo internacia. Li kuraĝigis tiujn, kiuj ne sukcesis, kaj aldonis, ke ni devas uzi nian scion instruante la lingvon al aliaj por evoluigi ĝin en la lando. Por ke Burundo iĝu esperantujo, ni devas multege labori en la kadro de Esperanto. Ni pensu ne al gajno, sed al scio pri Esperanto.

Mirejo, nia gvidantino, dankis kaj gratulis ĉiujn, kiuj ĉeestis tra la daŭro de la seminario. Ŝi rajtas fieri, ĉar multaj esperantistoj sukcesis la ekzamenojn. Ŝi vidis, ke la aliro al la scio estas malfacila, kaj pro tio ŝi promesis varbi multon al nia asocio, ĉefe librojn. La retaliro estas malfacila aŭ ne eblas, estas maleble aŭ tre malfacile aliri komputilon, ne eblas iri eksterlanden, ĉefe al Eŭropo, por partopreni Esperantajn aranĝojn kaj scii multon pri la lingvo; sed ŝi diris, ke en Burundo troviĝas bonaj esperantistoj, kiuj tre tre bone regas la lingvon. Ni povis abunde informi ŝin pri Burundo kaj pri ANEB. Ŝi rimarkis nian aktivecon kaj konstatis la apartajn bezonojn de nia movado. Ŝi eĉ promesis reprezenti nian asocion ANEB en Kopenhago dum la ĉi-jara Universala Kongreso.

Fine ŝi diris, antaŭ la disdono de la atestiloj, ke sukcesis 13 partoprenantoj en la elementa nivelo kaj 12 en la meza nivelo.

*Hasano Ntahonsigaye (sekretario)*

**Noto:** Fotoj pri la seminario videblas je la ligo: mirejo3.blogspot.com.

Jen la nomoj de la sukcesintoj
en la elementa nivelo:

1. SAIDI Mlossi
2. NIYONGABO Erickson
3. NIYONDIKO Pascal
4. BAHATI Pamphile
5. SIRABAHENDA Yussuf
6. NIYONGABO Léonce
7. NDUWAYEZU Audace
8. NDIKUMWENAYO Benjamin
9. NDIKUMANA Alice
10. NAMBAZIMANA Therence
11. HARERIMANA Jean Bosco
12. BIKIRANTANGANWA Twalibu
13. IRANYBUKA Jean Marie

Jen la nomoj de la sukcesintoj
en la meza nivelo:

1. NDAYIZEYE Tharcice
2. HARERIMANA Etienne
3. NSABIYUMVA Eric
4. NIYINZANIYE Eric
5. NSABIMANA Innocent
6. MANIRAKIZA Aimé-Patrick
7. NTAKIRUTIMANA Justin
8. NTADENDEREZA Zabulon
9. NKURUNZIZA Isaie
10. NDIHOKUBWAYO Gilbert
11. NIYUKURI Gilbert
12. NTAHONSIGAYE Hasano

## EL NIA LETERKESTO

**Agado en Sud-Afriko**

Mi partoprenis la unuan de majo en komitatkunveno, kiel membro de Sud-Afrika Estraro. Sed dum la kunveno ni longe parolis pri la interrilato kun la AK kaj pri la bezono de francaj lernmaterialoj por la grupo de Durbano gvidata de Elisée Byelongo (vicprezidanto de EASA). La prezidanto kaj mi estis ŝarĝita kontakti la AK-anojn. La prezidanto mem promesis fari tion, sed bedaŭrinde li malfruas en tiu tasko. Do, mi transprenis la taskon fari tion kaj la afero verŝajne progresos. Ni ankaŭ parolis pri la interveno de la AK en Sud-Afriko pri la estonta ILEI-seminario. Mi baldaŭ anoncos ion pri tio en la ESAS-listo por informi kaj veki ĝiajn anojn. Mi ankaŭ havis kontakton kun Victor Lufimpu (kiu devus ankaŭ aperi en la AK-listo!) el DR Kongo (mia devena lando) por kuraĝigi pere de li ĉiujn dum kaj post la ILEI-seminario. Mi daŭrigas la rilatojn kun esperantistoj de Bunda en Tanzanio.

Samideane via
*Emile Malanda*

• **DR Kongo**




La 23-an de aprilo 2011, posttagmeze, fermiĝis la E-seminario okaziĝinta en Kinŝaso, kiun partoprenis gesinjoroj Andrea Bertrand (el Francio) kaj Alain Delmotte (el Belgio), kiel konferencistoj kaj instruistoj. La ĝusta nombro de partoprenantoj estas : 44 gekomencantoj kaj 20 geprogresantoj (plejparte E-instruantoj).

Sur la apuda foto: la partoprenantaro la lastan tagon, kune kun Andrea kaj Alain tenantaj la banderolon. Pri tiu ĉi okazaĵo, la nacia E-asocio DKEA ne povas silenti pri sia pliriĉiĝo: unuflanke je novaj adeptoj de la universala lingvo, inter kiuj elstaraj ĵurnalistoj de RTNC (la nacia kongolanda televidstacio), katolikaj monaĥinoj, policistoj ktp ; kaj aliflanke je la E-instruistoj kiuj profitis la instruadon de la supre menciitaj ILEI-delegitoj por plialtigi sian instrukapablon. Krome, la propagandon, kiun faris pri la okazaĵo radio kaj televido en la lando, DKEA ne povas ne mencii. Tial DKEA profitas la okazon ankaŭ por danki ĉiujn kiuj kontribuis kiamaniere ajn al la efektivigo de la okazaĵo, ĉar sen tiuj, verdire nenio estintus farebla. Apartan dankon ni ŝuldas al UEA, ILEI, Fondaĵo Hans, CER-Liono kaj Germain Pirlot pro ilia notinda financa apogo al nia agado. Ni estas konsciaj ke en la estonteco, nia nacia asocio devas atingi iam evolustaton tian ke ĝi ne ĉiam petos financan subtenon antaŭ ol fari ion, ĉar kreskante bone en unueco, ĝi fine povos mem financi siajn aranĝojn kaj eĉ – kial ne? – subteni ankaŭ al UEA. Sed tio neniam eblos sen via nuna apogo. Afriko estas grava parto de la mondo, kaj neniu scias en kian kunlaboron ni iam falos en ĉi tiu neantaŭvidebla mondo. Tial la universala lingvo estas subteninda en Afriko, ne nur pro tiu utopia motivo, sed por ke efektive la lingvo estu *tutmonda*.

Samideanajn salutojn.

*Kinshaso, la 1-an de majo 2011* *M.M. Jackson*

**Noto:** Fotoj pri la seminario videblas ĉe la jena ligo: http://www.leliseron.org/porILEI .




**DKEA nun havas oficejon**

Demokrata Kongolanda Esperanto-Asocio (DKEA), la landa asocio de DR Kongo, multe aktivis dum pasintaj monatoj. Ĝi nun havas propran oficejon danke al tieaj esperantistoj. Vidu foton maldekstre.

# ESPERANTO ĈE UN



Por la deka fojo en tri jaroj mi salutis la ambasadoron de Benino, Jean-Francis Zinsou, kiu partoprenis la Zamenhof-simpozion en Novjorko en 2009.

Lastatempe mi partoprenis programon organizitan de la Unesko-estro en Novjorko, Philippe Kridelka. S-ro Kridelka parolis pozitive pri Esperanto aliloke, antaŭ monatoj, kaj estis nia dua renkontiĝo. Ambasadoro Zinsou ĉeestis, kaj ni estis fotitaj kune. Al ambaŭ mi donacis ekzempleron de la februara numero de la revuo *Esperanto* de UEA.

Laŭ la biografio pri Kridelka, li regas la anglan, francan, germanan kaj nederlandan. Ĉu li ne povas lerni Esperanton ene de du horoj? Mi sugestis tion.

Sinjoro Kridelka parolis pri sia amikeco kun la e-isto kaj prezidanto de Eŭropa Esperanto-Unio Seán Ó Riain, kiam tiu ĉi estis alta funkciulo en la irlanda ambasadejo en Varsovio antaŭ dek jaroj.

Televida entrepreno filmis (www.southsouthnews.com), kaj parto de la programo estas nun videble ĉe YouTube. La intervjuistino, Afaf Konja, filmis ankaŭ post la oficiala programo.

Ĉirkaŭ cent homoj ĉeestis, en plenplena ĉambro. Spite al tio ke la kvin prelegantoj estis viroj, la estro rimarkis en la fino de la programo ke okdek el la ĉeestantoj, kaj ĉiuj kiuj prezentis demandon, estis virinoj. Ambasadoro Zinsou diskutis la malegalecon inter viroj kaj virinoj en la publikaj lernejoj de Benino.

La ĝenerala temo de la prelegaro estis financado de edukado en Afriko kaj nova eldonaĵo samtema: http://www.uis.unesco.org/template/pdf/EducGeneral/Finance_EN_web.pdf.

*Neil Blonstein*

## UEA PLI KAJ PLI ENRADIKIĜAS EN UGANDO

Ni multe dankas al UEA kaj al la AO, kiu peris subvencion al la movado en nia lando Ugando. Dankon al ĉiuj membroj de UEA kiuj kontribuis al tio.

Pro tiu helpo, ni faros ĉion eblan por enradikigi la movadon en nia lando. Danke al la Afrika Oficejo, ni ricevis kelkajn lernmaterialojn kaj atendas pliajn en la estonteco. Jen kontaktinformoj:

Andrew Ntiruvahirya
Esperanto en Ugando
Poŝtadreso: 12815 Kampala, Uganda
Telefonnumeroj: (+256) 704474999 / 758919511

*Andrew Ntiruvahirya*

## AFRIKAJ PUPOJ ĈE FESTIVALO EN JAPANIO

En la insulo Ŝikoku (Japanio), oriente de urbo Higashikagawa, troviĝas la urbo Hiketa. Tie loĝas 36 000 homoj. Pupfestivala komisiono kaj la urbodomo organizis la 9-an pupfestivalon de la 27-a de februaro ĝis 3-a de marto 2011. Ĉirkaŭ cent loĝejoj montris tradiciajn japanajn pupojn en siaj fenestroj. En mallarĝaj stratoj lokanoj kaj eksteruloj kune ĝuadis glorajn kaj brilajn pupojn. La loĝantoj elkore kaj volonte akceptis kelkdekmilon da vizitantoj, elspezante grandan monsumon, ĉar la pupoj kutime kostas ĉirkaŭ milionon da jenoj. La lokanoj digne fieras pri sia konkurso de ideoj kaj animo.

Ĉi-jare oni montris en vendejoj, loĝejoj, galerioj ktp unikajn ornamaĵojn, precipe laŭ la Hiketa-stilo, nome, 7-etaĝan pupprezentadon. Ankaŭ surprize dekoritaj *hina*-pupoj, manfaritaj de infanoj, naĝis en akvujo kun fiŝoj. *Hina* signifas kokidan pupon.

Okazis ankaŭ infan-kabuko, infana *hina*-pupparado, bazaro pri japanaj bongustaĵoj, diversaj tradiciaj spektakloj, kaj ĝuata stratlumigo vespere.

Ĉi-aŭtune aldoniĝos al la tradicioj *Monda Pupekspozicio Esperante.* La ekspozicio havos ĉ. 300 pupojn el 21 landoj, panelojn pri la historio de la landoj de la pupoj kaj pri la rilatoj inter tiuj landoj kaj Japanio, pupistojn, mapojn, poŝtkartojn, puplibrojn, kaj ekzotajn bongustaĵojn kaj muziko el la koncernaj lokoj. La plano estas ene de kvin jaroj montri entute 1 500 pupojn el cent landoj.

Koffi Doumégnon el Togolando kaj Vlaďka Chvátalová el Ĉeĥio (kiu regule vojaĝas al Afriko por kontroli la funkciadon de la helpprojekto Nabouba en Benino), helpe de Charles Alofa (Benino) kaj Paul Kwasi Mensah (Ganao), kontribuis al ĉi tiu projekto per sendo de afrikaj pupoj, poŝtkartoj, fotoj kaj mapoj.

*Etsuo Miyoshi*

****************************************

Komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bv. sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com, aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, B.P. 416, Lokossa-Mono, Benino**
**tel./fakso: +229 224 10 229**

****************************************